# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 27/07/2017 Tricent-tridek-dua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Vera Payne**



SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au




Ekstudis pli ol **949,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **171,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,120,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. Ĉ.



La tria parto de bildo, de Propozicio, estas la gramatika Objekto. Ĝi devas esti parto de la bildo, de la Propozicio, nur se sen ĝi la Subjekto ne povas fari la agon; la viro ne povas bati sen io batata, kvankam li povas dormi sen dormi ion. Do ĉe “bati” (= transitiva verbo) necesas ĉeesti la hundo, dum ĉe “dormi” (=netransitiva verbo) ne povas esti “hundo” ĉar oni ne povas dormi hundon. Ankaŭ ĉi tiu parto de la bildo, la Objekto, estas Substantivo, aŭ vorto aŭ vortoj kiuj funkcias kiel substantivoj. Ankaŭ ĉi tiu parto povas ĉehavi adjektivon aŭ adjektivecan vorton aŭ vortojn. Ekz. “la (hundon) (= Artikolo)” aŭ “la malgrandan (hundon)” (= adjektivo), aŭ “la (hundon) en la parko (= prepozitivo)” , aŭ “la (hundon), kies posedanto estas juna knabino” (= suborda propozicio).

La aga parto de bildo, la verba parto, nomata la Predikato, devas enhavi almenaŭ unu verbon, kiu konsekvence estas la kerno de la Predikato. Verbo estas nur vorto kiu havas verban finajon, -as, -is, -os, -us, -u. La finaĵo “-i” estas pli substantivo ol verbo, kaj tial povas esti la kerno de Subjekto kaj de Objekto, ekz. “Ami iomete egalas morti” kaj “Veturi ebria similas peti akcidenton”.

La Propozicio, por esti kompleta, devas enhavi almenaŭ Subjekton kaj Predikaton, kaj Objekton se la ago estas “transitiva”. Plurfoje tamen la necesa Objekto estas subkomprenata, ekz. en “Ni manĝos poste”: kompreneble en la menso devas esti Objekto ĉe “manĝi”, ĉar oni ne povas manĝi sen manĝaĵo aŭ sen io en la buŝo.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

**Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.**



**Bona rakonto kaj bona Esperanto**

## Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (15a parto)

Ni loĝis en tiu domo ok jarojn. Tiam subite venis iu viro. Li proponis aĉeti nian domon, kaj ofertis al mia patro multajn milojn da kronoj. Tiam mi ne bone komprenis la valoron de mono, kaj tio ĝis nun ne ŝanĝiĝis! Sed ni vendis la domon, kaj la viro, aŭ ĉu mi diru sinjoro, ĉar li estis vendisto de necesejpapero, donacis al ni 8 rulaĵojn da neceseja papero. Li estis tre donacema, ĉu ne? sed necesejpapero estas pli bona ol gazetpapero!

Tiam necesis trovi alian loĝejon, kaj estis al ni permesite havi luloĝejon en "Sydhavnen", t.e. Sudhaveno, tiom proksima al Kopenhago, ke tie veturis tramoj. La luloĝejo havis elektran lumon kaj fluantan akvon, kvankam nur malvarman. Sed estis en ĝi centra hejtado. Ni ne plu bezonis ŝteli lignon kaj koakson. Ni havis kuirejon kun gaso, subite ankaŭ ni estis civilizitaj homoj luprezon pagantaj.

Necesis tial, ke ni ŝanĝu ankaŭ lernejon, kaj tio estis bona, eĉ bonega, ĉar la unua lernejo ne estis, tie oni lernis ŝteli per la piedfingroj, kiel oni diras en Danlando.

En la posttagmezoj, post kiam la lernohoroj finiĝis, mi devis labori en vestopurigejo kiel komisia knabo, t.e. mi devis bicikle porti al klientoj iliajn purajn vestojn. Tio donis al mi iom da mono, kiun mi bezonis, kaj ankaŭ mi devis ja lerni kiel perlabori monon.

Proksime al la lernejo estas la grandega "*Vestre Kirkegård*", t.e. okcidenta tombejo. Estis ankaŭ naskiĝejo, do oni povus vivi sian tutan vivon en la kvartalo sudhavena. Oni povis naskiĝi, iri lernejen, labori en unu, aŭ ĉiuj el la multaj fabrikoj, kaj fine entombiĝi tie, bone, eĉ bonege, ĉu ne? Eblis malŝpari sian tutan vivon tie!

La plej grandan parton de la lernotempo furiozis la 2-a mondmilito, kaj virinoj kaj infanoj el la Tria Regno fuĝis en Danlandon. Ĉar ili ja devis loĝi ie, ili elektis niajn lernejojn. Tie ili dormis sur pajlo sur la planko.

Kelkan tempon ni instruatis en manĝejo de la Savarmeo en Vesterbro, aliajn fojojn en sportejoj sude de Kopenhago, fakte en Valby. La plej grandan parton de la tempo ni estis tute ignorataj de la registaro. Tio klarigas multon, ĉu ne?

Mi forlasis la lernejon kiam mi estis 13-jara, kaj tiun tagon finiĝis ankaŭ mia infanaĝo

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu vi subskribis la peticion?

klaku ĉi tie

Se vi ne jam faris, klaku kaj subskribu la verdan supran lokon.

Esperanto bezonas milionojn da nomoj. Kion faras la milionoj da Esperantistoj? Subtenu nin!

Ĝis hodiaŭ nur 417 subskribis tiun peticion. (Por Esperanto, tiu peticio povus esti gravega,)

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Mi volas iom komenti pri la artikolero de Marcel en la lasta AE331. *Trevor Steele*

# Iom pri la politiko de Ruslando/Ukrainio

Miĥajl Gorbaĉov ne donis Krimeon al Ukrainio, kaj Gorbaĉov ne estis ukraino (li naskiĝis en Stavropol en suda Ruslando).

En 1954 Nikita Ĥruŝĉov, kiu fakte estis ukraindevena, kaj unue "eminentiĝis" kiel la ĉefa persekutanto de ukrainaj kamparuloj en la malhumana kampanjo de Stalin devigi kolektiviĝon de ĉiuj bienoj, aljuĝis la (ruslingvan) duoninsulon Krimeo al la "Ukraina Soveta Socialista Respubliko". Kial? Kelkaj diras, ke li estis tiumomente ebria. Pli probable li volis provi aĉeti la lojalecon de ukrainoj al USSR.

Mi mem spertis en 1990-1991 la streĉitecojn en Ukrainio, parte pro tio, ke la homoj en la okcidenta parto parolas ukraine, dum la urbanoj oriente parolas ruse. Eĉ tiam mi antaŭvidis "problemojn", se Sovetunio disfalos kaj Ukrainio sendependiĝos. *Trevor Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno

## EKSKURSO AL LA NEĜO

Sabaton la 22a de Julio, kvin homoj ekskursis al la neĝo ĉe Lake Mountain. Estis magia tago kun perfekta vetero.

## DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 23a de Julio ses homoj (inkluzive de unu komencanto) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj programis.

## LUNDA KUNVENO

Lundon la 24a de Julio kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis kaj tradukis iom pli da *Mil kaj unu noktoj.*

## VENONTAJ KUNVENOJ

| | |
|---|---|
| Sabaton 29a de Julio je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |
| Dimanĉon 30a de Julio je 15:00 | Dimanĉa kunveno, ĉe **nova loko:** ACMI Cafe & Bar, Federation Square |
| Lundon 31a de Julio je 18:30 | Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 866 Instagram – 78
Facebook – 295 Telegram – 20
Twitter – 275

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTUJO BEZONAS ESPERANTOLOGOJN !



Plej multaj novaj Esperantistoj, kaj eĉ multaj malnovaj, ne zorgas pri Esperanto, ĉar ili elkomence akceptis la lingvon tia, kia ili ĝin trovas en la gazetoj, en la lernolibroj, en la vortaroj, kaj en la Esperanto-kunvenoj. Same kiel se lernante fremdan etnan lingvon, ili ne trovas sin respondecaj pri la lingvo, kaj ili ne kuraĝus uzi ĝin malsama. Ili ne konscias, ke artefarita lingvo, por resti fidebla, devas evolui kaj disvolviĝi alimaniere ol natura lingvo, kiu en sia vivo arbitre kaj kaprice ŝanĝiĝas, sen neceso, kaj tial havas multajn nenecesajn regulojn gramatikajn kun multaj esceptoj kaj komplikajn vortarojn kaŭzantajn miskomprenojn. Por eviti tion, Esperanto kreatis kun simplaj reguloj, sen esceptoj, kaj kun fidinda vortaro.

Tiuj kiuj scias ke la Esperantistoj devas mem zorgi ke ilia lingvo restu uzata sen eraroj kaj sen ŝanĝoj, kutime fidas la verkistojn kaj speciale la vortaristojn kaj la lernolibristojn. Ĉi lastaj tamen faras la samon, kaj ofte senkritike transprenas novajn, fremdajn, vortojn neklere enkondukitajn aŭ uzatajn de iuj ajn sed precipe de konataj Esperantistoj. Same pri gramatika aplikado, precipe la vortpluformado. Tiel nia lingvo evoluas malĝuste, ĉar ne ekzistas instanco kiu tuj avertas pri la evitindo de fremda vorto aŭ pri la malĝusteco de iu gramatika uzo. La Akademio de Esperanto, krom ke la granda plimulto de ĝiaj membroj ne estas profesiaj lingvistoj aŭ estas lingvistoj ne sciante la diferencon pri evoluo de naturaj kaj de artefaritaj lingvoj, nur post ĝenerala akcepto de novaĵo konstatas, ke tiu novaĵo estas akceptinda kaj oficialiginda. Ĝi do estas senutila, ĉar ĝi akceptas la jaman uzadon, kaj ne tuj avertas pri eventuala kontraŭo al la reguloj kaj spirito de Esperanto. Cetere, kiel menciita, preskaŭ ĉiuj membroj ne estas kompetentaj Esperantologoj, kaj do averti la Esperantistaron ne kapablus.

Sed la Esperantistoj devas scii, kio estas ĝusta aŭ rekomendinda kaj kio ne. Ofte ili scias, kaj sciu, ĉar ili, kaj ni ĉiuj, parte respondecas pri la plua evoluo de la lingvo. Do unue estas necesa, ke ĉiuj Esperantistoj, krom perfektiĝi en la lingvo, kritike juĝu la lingvon uzatan de la konataj Esperantistoj, inkluzive de la verkistoj, vortaristoj, kaj lernolibristoj. Krome ili bezonas instancon de kompetentaj Esperantologoj kiuj kapablas igi klara ĉiun aspekton de la lingvo. Tia instanco povus konsisti nur el lingvistoj profesiaj aŭ aliaj, kiuj scias ke Esperanto devas evolui ne kiel naturaj lingvoj, sed kiel artefarita lingvo plu disvolviĝanta artefare. Estas miriga, kiom malmultaj profesiaj lingvistoj komprenas tion; apenaŭ manpleno en Esperantujo nuntempa. En la unua duono de la pasinta jarcento sufiĉe multaj kompetentaj Esperantologoj ekzistis por klere helpi nin decidi pri la lingvo, kvankam eĉ ili, inkluzive de Zamenhof, faris kelkajn erarojn, kiel ni ĉiuj faras. Sed post la dua mondmilito ekzistis nur malmultaj, kaj nuntempe ege malmultaj. Pro tio la Melburna Esperanto-Asocio decidis, serĉi kaj plu klerigi aŭstraliajn Esperantistojn kiuj povus agi kiel fonto de ĉiu scio pri ĉiu lingva aspekto de Esperanto. Tiaj samideanoj povus ankaŭ kompetenti por membri en bezonata Lingva Komitato. En Aŭstralio ni nuntempe havas nur du aŭ tri da tiaj specialistoj, kaj ili maljunas. La celo de tia instanco, aŭ de tiaj kompetentuloj, ne estus dikti kiel uzi la lingvon, sed ĝia celo estus nur indiki tion, kio estas kontraŭa al la reguloj kaj spirito de nia lingvo. Kaj doni la necesajn klarigojn por siaj avertoj.

Ni petas la aŭstraliajn kaj njuzelandajn Esperantistojn serĉi inter si eventualajn kandidatojn por Esperantologistiĝo kaj igi tiujn kontakti nin por ĉu kaj kiel atingi la esceptan klerecon necesan. ( *esperantologio* Λ Lingvistika studo de Esperanto ) *Marcel Leereveld.*



# Ĉu en Aŭstralio oni parolas la anglan?



Opinioj malsamas, sed se jes, ĉu vi helpus pri ĉi tio?

Eric Lee, ĉefa aktivulo de *Labourstart*, verkis libron pri la eksperimento farita en la komenco de la 20-aj jaroj de la pasinta jarcento en Kartvelujo. Tie oni provis kunligi komunismon kun demokratio kaj homa traktado de la civitanoj.

La libro baldaŭ aperos en la angla. Mi pensas, ke validas diskonigi ĝian enhavon ankaŭ en Esperanto. Temas pri pli ol 200 paĝoj, kaj do ni povas sukcesi nur se kuniĝas grupo da tradukemuloj. Jam ekzistas kelkaj sed plia helpo estas bezonata. Vi bone konas la anglan kaj Esperanton.

Se vi interesiĝas pri ĉi tiu aventuro, skribu al mi, renato.corsetti@gmail.com .

Amike *Renato Corsetti*



# La parolado de Roosevelt kaj la Apokalipso

Fonto: Ĵurnalo "A Tribuna Regional", el la urbo Santo Ângelo, Brazilo, eldono de la 1-a kaj 2-a de marto 2008

## Franklin Delano Roosevelt

*sendis Portal Bona Volo*



Ni trovis en la enposteniĝa parolado de Franklin Delano Roosevelt (1882-1945), kiel prezidento de Usono, la 4-an de marto 1933.

## La rajto ne senti timon

*"Lasu min aserti al vi mian firman penson, ke la sola afero, kiun ni devas timi estas la timo mem — teruro sennoma, senkiala, nepravigebla, kiu haltigas ĉiajn necesajn klopodojn por transformi retroiradon en antaŭeniradon".*



# Adelajdo '97!




Kio okazis antaŭ dudek jaroj? Adelajdo '97! Mezvintra Universala Kongreso de Esperanto, kiu bonege sukcesis escepte de finance. Bedaŭrinde, ke la aŭstraliaj esperantistoj (kaj helpantaj baha'anoj, kaj aliaj) tro laboregis por vere sperti UKE-on; sed kune, ni kreis mirindaĵon. Gratulon al ĉiuj!

*Margaret Furness*



# NOVAĴOJ/OPINIONOJ VIAJ

★★★★



Ebria ŝoforanto riskas monpuniĝon.
Se en akcidento ebria ŝoforanto mortigas/vundas iun, li riskas malliberiĝon.
Ĉu la krimoj de la du ebriuloj ne estas egalaj?
La puno dependas nur je ŝanco.
Do oni riskas. Homoj mortas. *Roger Springer*



★★★★

# Kiel ŝanĝi la mondon



Kiel eble ankaŭ vi scias, Esperanto estas la ununura lingvo en la mondo, kiu vere taŭgas kiel perilo por paco inter la tro multaj nacioj troviĝantaj sur tiu ĉi ankoraŭ, malgraŭ la klopodoj de tro multaj multmilionuloj, tre belega planedo.

Do naskiĝis d-ro Zamenhof. Fakte mi iom troigas. Li certe ne naskiĝis kiel doktoro, plej verŝajne kiel eta bebo, same kiel mi. Sed iom post iom li fariĝis doktoro, mi ankoraŭ ne! Sed kiu scias kio okazos en la plej proksima estonteco? Verŝajne mi ne fariĝos doktoro, pli verŝajne estas, ke mi en la plej proksima estonteco renkontiĝos kun Lia Moŝto Zamenhof, kiu eble, sed espereble ne, kritikos min pro mia misuzo de la 16 reguloj de lia bonega lingvo, Esperanto.

Sed, kiel multaj el vi scias, ankaŭ mi amas Esperanton kaj provas uzadi ĝin pli - malpli ĝuste!

Ekzemple ankaŭ al mi plaĉus se ni homoj povus interkonsenti pri la fakto, ke estus pli bone, se ni ĉiuj, el ĉiuj niaj nacioj, farus unu treege grandegan nacion. Momente ne gravas kiel ni nomu ĝin, iu aŭ alia sendube ŝatus cerbumi pri iu taŭga nomo plaĉanta al li mem.

Sed tio, kio gravus, estus ke se ni estus nur unu nacio kun nur unu registaro kaj nur unu lingvo – ĉu mi bezonas malkaŝi al vi la nomon de tiu glorata lingvo? – ni sendube havus tutmondan pacon.

Estus ja malfacile por kiu ajn registaro estigi militon, se ne troviĝas iu alia nacio, preferable kun petrolo, kies konstruaĵojn, infanojn, virinojn, hundojn, ĉevalojn kaj virojn oni ne povus detrui kaj mortigi, ĉu ne? Tio ŝajnas ja esti la ŝatokupo de membroj de registaroj, kondiĉe ke ili mem ne devas eliri kaj riski siajn vivojn. Tion fari ili simple ordonas al pacamantoj!

Mi bone komprenas, ke kvankam tiu penso estas tre facile komprenebla al vi ĉiuj – kaj eĉ al mi – ni bedaŭrinde tamen havas, inter ni, sur tiu ĉi planedo, kelkajn homojn, inter ili la registaranoj, kiuj evidente komprenas nenion. Al ili malplaĉas tiu nia bona ideo. Al ili malplaĉas nia bonega lingvo. Al ili malplaĉas la ideo ke tutmonda paco estas io dezirinda. Sed ili ĝojus, se ili povus igi ĉiujn mondcivitanojn malami kaj mortigi unu la alian. Tio povus ĝojigi – mi supozas – inter aliaj - ĉiujn nunajn registaranojn en preskaŭ la tuta mondo. Sed tio ne ĝojigus min!

En mian kapon venis la ideo, ke amika kritikado, eble ankaŭ amika mokado, estas la rimedo per kiu ni povus igi almenaŭ la pli inteligentan parton de la homaro, t.e. la geesperantistaro, vidi kaj priridi la sitenon de almenaŭ unu el tiuj fifieruloj. Sed kiel konvinki la malpli grandan parton de la tuta homaro, pri la fakto, ke paco tutmonda estas preferinda al la ĉiama milito, kiu ŝajnas esti la celo de la vivo de tiuj tre malmultaj, sed tro potencaj homoj?

En antaŭ nelonge aperanta numero de "Aŭstraliaj Esperantistoj" mi vidis kanton, kiu povus kontribui al la vekiĝo de la konscienco de tiuj, kiuj ankoraŭ estas miskonvinkitaj pri la misfakto, ke la vivo temas nur pri kontentigo de si mem. Por ilia plisaĝiĝo mi permesas al mi diri, ke la vivo temas pri kontentigo de ĉiuj aliaj, inkluzive de mi!

*Bob Felby*



## Richard Delamore kun aliaj Esperantistoj en Seulo.



Amike, Nicole Else




## Kion vi scias pri la historio de Esperanto?



**KVIZO:** Klaku ĉi tie

Honore al la Esperanto-Tago, festata la 26-an de Julio, ni preparis specialan kvizon, kiu eble surprizos vin. Ne gravas, ĉu vi estas Esperantisto de pli ol 10 jaroj aŭ 3 monatoj aŭ 5 tagoj: kion vi scias pri la historio de la Internacia Lingvo? Do pruvu vian konon per ĝi.

Rilate al tiu temo asertas la edukanto Paiva Netto:
*"Esperanto estas unu el la elstare gravaj kulturflankoj de Legio de Bona Volo. Pro ĝi, la lingvo jam ne estas baro kontraŭ elmontro de niaj konceptoj kaj praktikado de solidareco, kaj tio prezentas en Ekumenismo de Koroj decidan faktoron por tutplaneda kunfratiĝo."*

**Feliĉan Esperanto-Tagon!**
*Maria Aparecida da Silva* www.bonavolo.com